11-a jaro. — N-ro 12 (130) DECEMBRO 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro ;

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**



**JARA ABONPREZO : Fr. 10.—**

**EKSTERLANDE : Fr. 12.50**

ANTVERPENO
1925

11a JARO. N-ro 12 (130) DECEMBRO 1925.



# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543 74 | Postceko No 39984. |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## KONGRESA PAROLADO DE Dro E. PRIVAT EN GENÈVE.

Gefratoj ĉiulandaj kunvenintaj en Ĝenevo, el tuta koro mi salutas kaj bonvenigas vin en nia urbo.

Hodiaŭ vespere kelkaj, eble eĉ multaj el vi memoros, ke en tiu ĉi sama granda salono antaŭ preskaŭ 20 jaroj sonis ĉi tie je la sama horo la voĉo amata de nia Majstro D-ro Zamenhof. Tio estis en 1906 post la teruraj progromoj, kiuj sekvis la unuan rusan revolucion de 1905. La okuloj de nia Majstro, tiu granda idealisto kaj pacifisto, estis ankoraŭ plenaj de la teruro de tio, kion oni vidis en la stratoj de lia naskiĝurbo Bialystok,kie homoj kruele sin jetis al maljunuloj kaj virinoj,ĵetis infanojn, disbatis loĝejojn kaj butikojn. Tremis la voĉo de nia Majstro kaj mi ankoraŭ memoras kun kia akcento li diris al ni: ni ne devas kulpigi iun ajn nacion aŭ popolon, ni devas kulpigi unu ĉefaferon kaj tio estas la mallumo, kiu regas kaj kiu ebligas. ke blinda incito povas ĵeti homojn unu kontraŭ la aliaj en tia besta kaj sovaĝa maniero. Ĉesu mallumo, rompante la murojn inter la popoloj, donu la lumon de la interkompreno, donu la lumon de la interkonatiĝo kaj amikiĝo rekta, tio estis la vortoj de Zamenhof en la Ĝeneva kongreso. Kaj kiam mi rememoras pri tio ĉi, mi pensas ankaŭ pri ĉiuj geniuloj, kiel li, kiuj ĉiam ŝatis kaj klopodis, ke en tiu ĉi mondo oni alportu lumon. La lumo estas tio, al kio sin turnas en arbaro la kreskaĵoj kaj arboj tordiĝante kaj luktante unu super aliaj por akiri iom da spaco kaj ricevi lumon de la hela suno, kiu donas al ili la vivon kaj la sangon.

Grandaj homoj en tiu ĉi mondo ĉiam laboris por la lumo. Pli da lumo! tio ja estis la lastaj vortoj de Goethe kaj tion volis nia Majstro. Li volis, ke ĉesu tiu sistemo de sovaĝa mallumo, en kiu la homoj povas ignori kaj malami unu la alian pro nura nescio kaj nekompreno. Kaj pri tio en la Ĝeneva kongreso li parolis al ni tute intime kaj tute malkaŝe pri la movado, kial li ĵetis en la mondon la malgrandan semon

Esperanto, tio estis lia kaj nia celo, nia interna ideo. Antaŭ kelkaj dudek jaroj, antaŭ la kongreso de Ĝenevo en 1906, ekzistis esperantistoj, kiuj cetere jam de longe forlasis niajn vicojn kaj kiuj riproĉis al la Majstro, ke li tro sin okupas pri idealo, ke Esperanto devas esti nur gramatiko kaj ke ni ne devas kun ĝi miksi ion alian. Kaj nia Majstro modeste ĉi tie staris kaj diris, jes, oficiale la Esperanto-movado estas nura klopodo, ke oni instruu en la lernejoj tiun lingvon helpan internacian kaj ĉiu alia ideo estas privata ideo de apartaj personoj. Ĝi ne estas en la regularo. Sed li tuj aldonis: kio ne estas en la regularo, tion vi ne povas forpeli de mia koro, el la koro de miloj da homoj, kiuj laboras por tiu ĉi granda afero. Li ĉi tie staris kaj ekpremante sian stelon sur la brusto li ekkriis: se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forĵetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto. (Aplaŭdo.) Kaj tio estis la instruo de Zamenhof en la Ĝeneva kongreso en 1906 kaj se Zamenhof povus reveni ĉi tien, hodiaŭ li eble ĝoje konstatus, ke ne plu en la esperantistaro oni aŭdas tiajn riproĉojn kaj ke Esperanto trovas rekonon, rekomendon kaj konfidon,ke tio estas la plej granda afero en nia movado. (Aplaŭdo.)

Sed nun, karaj gesamideanoj, ĉesis paroli jam delonge tiu amata voĉo. Dum la sekvintaj kongresoj ni aŭdis ankoraŭ kelkfoje la Majstron kaj poste la terura milito lin forportis per malsano de koro, malsano de koro samtempe fizika kaj morala. — Kaj dum la sekvintaj kongresoj ni ankoraŭ kelkfoje vidis la fidelan amikinon de lia vivo, la fidelan edzinon, kiu per sia paca kaj kuraĝa optimismo lin tre helpis en la vivo kaj kiu ankaŭ devis multe suferi pro tiu malfacila vivo, per tiu sinsekva irado de urbo al urbo, kiam li ankoraŭ estis malriĉa kaj tre klopodanta kuracisto, kiu donis sian tutan tempon al tiu alta idealo. Kaj ankaŭ hodiaŭ tiu ĉarma persono, kiun ni ĉiuj amis vidi en la kongreso, ankaŭ ŝin ni ne plu vidas kaj estas granda ĉagreno por nia kongreso, ke la unuan fojon anstataŭ saluti ŝin, mi devas peti vin, leviĝi en ŝia honoro. (Ĉiuj leviĝas.) Sed nek li, nek ŝi volus, ke niaj kongresoj restu je malĝojo kaj ni devas repreni la vojon de l'vivo. Kore kaj plezure ni salutas la du filinojn de nia Majstro: Sofia kaj Lidja Zamenhof, kiuj faras al ni honoron, ĉeesti la kongreson. Ili vivu! (Grande aplaŭdo.) La memoro al iliaj noblaj gepatroj restos gravurita en ĉiuj niaj koroj, ke ili ambaŭ estas ja bravaj, kuraĝaj junulinoj laborantaj por noblaj kaj belaj celoj. Ni forte dankas ilin pro tio kaj ankaŭ ke ili venis al Ĝenevo. (Aplaŭdo.)

Mia amiko, S-ro Oltramare, aludis pri la Ligo de Nacioj, kies sidejo estas ĉi tie en Ĝenevo, kaj li diris tiun tre ĝustan parolon, ke flanke de la Ligo de registaroj, ni esperantistoj, organizas komencon de ligo de popoloj mem, kaj mi dankas lin kore pro tiu ĝusta parolo. Kiam oni volas instrui al infanoj iom por la paco kaj montri, ke flanke kaj supre

de patrujo ekzistas io pli vasta, la kolektivo de ĉiuj landoj, estas malfacile klarigi al infanoj pri abstrakta afero. Diplomatio, Ligo de Nacioj, paktoj, kontraktoj, tio estas abstraktaj aferoj. Mankas tie iom da vivo, iom da spirito, por ke la infanoj kaj la homoj, ĉar la homaro estas granda infanaro, havu iel entuziasmon, iom la fervoro kaj senta vibrado pri la tuta afero.

Ofte en Ĝenevo ni kaj la homoj mem en la Ligo de Nacioj havas la impreson, ke mankas ofte la animo en ĝi. Ĝi devas esti prudenta, diplomata, jurista. Ĝi estas ofte abstrakta. Jen, Esperanto alportas ion konkretan. Komparu la internaciecon kun la nacieco. La nacioj havas ne nur la registaron kaj la abstraktan koncepton. La nacio havas la lingvon, la flagon, la himnon, la tradicion. Kion havas la internacio de la Ligo de Nacioj? Ĝi havas nur konferencojn, traktadojn, sed Esperanto havas ĝuste tian elementon konkretan. Ĝi alportas la lingvon. Ĉu vi scias, kio estas lingvo en la koro de homoj? Ĝi estas io tiel forta, ke la tuta oriento de Eŭropo de cent jaroj interbatalas pro la lingvoj. Se ĝi povis fari tiom da malbono, kiom da bono ĝi povus ankaŭ fari? Se ĝi estas helplingvo,homa lingvo,ne por malami unu la alian,sed por interkompreniĝi kaj interamikiĝi, tio estas konkretaĵo. Nacio havas ankaŭ la flagon. Same Esperantismo. Jes, la modestan verdan flagon, kiun ni ŝatas vidi flirtanta gaje en aero. Ĝi parolas pri espero, pri granda espero de l' homaro, pri facila interkomunikiĝo ne nur de la komercistoj, ne nur de la negocoj aŭ scienco, kiuj estas bonaj kaj utilaj, sed ankaŭ de la koroj, de ĝenerala afableco kaj bonvolo inter ĉiuj homoj. Tion simbolas nia verda flago. Longe ĝi vivu kaj flirtu sur domaj tegmentoj aŭ mastoj de ŝipoj kaj disvastigu en la mondo la ĝeneralan spiriton de la reciproka bonvolo, kiu nur povas akceli la veran ligon. (Aplaŭdo.) Kaj la Esperantismo havas ankaŭ la himnon. Kaj mi jam antaŭvidas, kiam la infanoj en la lernejoj leviĝos por kanti la internacian himnon kaj ne nur la nacian. Mi ne parolas pri la naciaj himnoj. Ofte la paroloj ankoraŭ aludas je bataloj, sed jam oni ne plu pensas pri la vortoj, ĉar la mondo marŝas kaj tiuj vortoj pli kaj pli forgesiĝas mekanike. La nacia himno jam progresas al io alia. Ĝi jam ne tiom pensigas al bataloj, sed al la amata lando, al pejzaĝo kara, al ĉio, kion nia popolo faris komune. La internacia himno ne memorigas nin pri milito. Ĝi esperigas pri iu pli bona tempo. Ĝi estas la ĝojiga interkomprenilo de la junuloj, la ĝojo de tiu juneco de l' homaro, kiu nun en tiu ĉi epoko ekscias pri sia kolektiva vivo, kiu klopodas forĵeti la malnovan haŭton kaj iri antaŭen en la lumo al tempo, pli pura, pli luma, ol nia malkonkorda kaj malpaca kaj malbona nuna homaro. (Aplaŭdo.)

Mi opinias, ke la progreso de Esperanto en la mondo estas granda venko de la spirito super la materio. Ĝi estas la mirinda afero, ke per tiu bonvolo, konscienco kaj forto de miloj, dekmiloj, kaj baldaŭ centmiloj da homoj disvastiĝas, viviĝas kaj kreskas tiu lingvo, kies deveno estas la bonvolo. Tio estas mirinda verko de l' spirito super ĉiuj ma-

teriaj kaj negativaj fortoj en tiu ĉi mondo. (Aplaŭdo.) Esperantismo estas granda aventuro kaj tiu, kiu vidis ĝin de ekstere, eble demandos sin: ĉu tio devas sukcesi aŭ ne? Ni ja scias bone, ke jam, ĝi vivas, ĝi neniam plu povos morti. Ĝi nur povos eterne vivi kaj flori. Ĉiam kreskanta ĝi estas, la juna lingvo de l' estonto, en kiu ni ankoraŭ ne havas la grandajn poetojn, kiujn ni respektas en la gepatraj lingvoj, kiuj parolas al ni pri la grandaj faroj de l' pasinto, kiuj kantas pri ĉio, kion atingis la grandaj aŭ malgrandaj nacioj de l' mondo. Tiu juna lingvo havas tamen jam sian propran rondon de verkistoj. Pri kio ili parolas, pri kio ili kantas? Ĝuste pri tiu nova ekkonscio de l' juna homaro naskiĝanta al ideo de sia propra komuna ekzisto.

S-ro Oltramare parolis pri Ĝenevo kiel ponto kie konstante trapasis la novaj ideoj tra la tuta eŭropa historio. Ni mem povas imagi la Esperantismon kiel grandan ponton nun konstruatan de fervora abelaro de pioniroj kaj agemaj laborantoj. Ĝi jam staras konstruite kvankam ne tute finite ĝis detaloj sed jam oni pasas, iras, veturas sur ĝi bonege kaj flue. Sur ambaŭ flankoj de la rivero staras jen belaj palacoj kaj grandiozaj kasteloj aŭ temploj reprezentantaj la diversajn malnovajn civilizaciojn. De unu al alia bordo konstante jam oni trapasas, dume la miloj da kunlaborantoj ankoraŭ fortigas la ponton kaj skulptas sur ĝiaj imponaj arkaĵoj la taŭgan ornamaĵon, kies stilo memorigas la arton de la historiaj konstruaĵoj ambaŭflanke. Vi ĉiuj estas tiuj fidelaj konstruantoj. Nur daŭrigu brave kaj senlace vian laboradon kaj la homaro vin benos!

Hieraŭ, kiam ne nur en Ĝenevo, sed ankaŭ en niuj apudurboj kaj vilaĝoj sonoris la sonoriloj de ĉiuj katedraloj kaj preĝejoj por la unua de aŭgusto, vi eble pensis pri la tago, kiam ne nur en unu lando, sed en la tuta mondo la sonoriloj anoncos komunan feston. Karaj gesamideanoj, tiu ĉi Svislando povas kompreni vin kaj nian belan celadon. La sonorado de la unua de aŭgusto ne plu rememorigas nin tiom akre, kiom niajn prapatrojn, pri la pasintaj venkoj de soldatoj. Ni pensas pri tio, ke tri rasoj malsamaj vivas en tiu ĉi lando pace kaj frate unu apud la alia kun diversaj religioj kaj kun diversaj lingvoj kaj ni preĝas, ke tiuj sonoriloj disvastigu tra la tuta mondo similan spiriton sur flugiloj de nia kara lingvo. Estas ĝojiga fakto, ke multaj junuloj kaj junulinoj partoprenas nian kongreson. Tio ne okazis tiel multe antaŭ la milito. Kaj tiu grandnombra ĉeesto de la junularo en niaj ĉiujaraj festoj estas unu el la plej bonaj signoj de la progreso de nia afero post la milito. Junulinoj kaj junuloj! kiuj ĝuas nun la oran tempon de la dudekjareco kaj baldaŭ komencos vian definitivan karieron, ne rifuzu doni la plej bonan de via vivo al tiu granda afero: Esperantismo. La vivo estas mallonga. Vi devas ĝin plenigi per iu granda celado. Ĉu gvidos vin persona ambicio aŭ profitemo, ĉu via idealo estos fari brilajn karierojn en altaj postenoj, aŭ amasigi en kasŝrankoj grandajn sumojn de papermono, kies valoro cetere fandiĝos iam, kiel nubo, je perdo de la ludoj? Estas por vi plej urĝa, plej nobla alvoko, donacu viajn junajn vivojn al tiu granda batalo

paca, kia estas Esperantismo, kaj daŭrigu fidele tiun sanktan laboron, komencitan de nia Majstro Zamenhof, kies voĉon ni ne plu povas aŭdi ĉi tie, sed kies spirito lumigu niajn animojn. (Granda aplaŭdo.)

**Laŭ stenografio de R. KREUZ el «Esperanto».**

---

# NACIA MONKOLEKTO POR LA SUBAKVIGITOJ.

**Organizita de la Ruĝa Kruco kaj de la Gazetara Asocio.**

Je la fino de 1925 kaj komenco de 1926 granda parto de nia lando suferis gravan katastrofon pro superakvo. La ĉiutagaj ĵurnaloj detale raportis pri tio. La gereĝoj Albert kaj Elisabeth fordonis al la viktimoj la tutan kapitalon, t. e. Fr. 2.000.000.—, kiun al ili donacis, por bonfara celo, la Belga Popolo je la okazo de la 25-a datreveno de ilia geedziĝo, al kiu sumo ili aldonis personon donacon de Fr. 100.000.

La Ruĝa Kruco kaj la Gazetara Asocio malfermis nacian monkolekton kaj publikigis ĉi-suban alvokon:

ALVOKO AL LA LANDO!

Belgujo sin relevas apenaŭ el la ruinoj de la milito kaj jen ĝi estas trafita de nova kataklismo.

Post la fajro, la akvo.

Post la invado, la inundo.

De la Leie (Lys) kaj Skeldo ĝis la Mozo kaj Sambro, torentoj da kotaj akvoj difektegas niajn urbojn, niajn vilaĝojn, niajn komunumojn industriajn. Brabanto, Borinaĝ'o, Flandro, Limburgo kaj la Ardenoj ne evitis la malfeliĉegon.

Tragedia fakto: la valoj de la Mozo kaj de la Sambro, tiel terure ruinigitaj de la milito, estas nun plej forte trafitaj de la akvokatastrofo.

Miloj la domoj estas sub la akvo en Dinant, Namur, Huy, Seraing, Liége, Visé, Maeseyck, en la regiono de la Malalta-Sambro kaj en la lando de Charleroi. La ruinigo estas pli granda ol en 1880.

Ne plu da trinkebla akvo, ne plu da lumigado, ne plu da varmigado, ofte ne plu da pano. Ĉie la loĝantoj rifuĝintaj sur la etaĝoj; aliaj ĉion forlasis kiel en 1914.

La fabrikejoj haltigitaj. La perdoj atingas milionojn kaj milionojn da frankoj. Proksimume 250.000 senlaboruloj sen vivrimedoj.

La epidemioj kaj la malsanoj nin minacas.

La refluo de la akvo komenciĝis, sed la angoro de la subakvigitoj estas grandega.

Grandega devas esti la bonfara puŝo de la Belga Popolo.

Al la sindono de la publikaj estraroj, de la polico, de la ĝendarma korpuso, de l'armeo, de la kuracistoj, devas respondi la senlima helpopreteco de la nacio.

Kiel en 1914, Belgujo devas restariĝi en fiera kaj malnova streĉo de solidareco.

La Ruĝa Kruco de Belgujo kaj la Asocio de la Belga Gazetaro, kunagante, organizas vastan nacian monkolekton sub la alta patronado de Iliaj Moŝtoj la reĝo kaj la reĝino, kaj de la registaro, por la viktimoj de la subakvigo.

Antaŭ tiu katastrofo, la Ruĝa Kruco kaj la gazetaro eligas jenan superan krion:

« Helpon! Savu la subakvigitojn. Gardu ilin kontraŭ la malsanoj. Refaru iliajn detruitajn hejmojn. Antaŭ ĉio, protektu la infanojn! »

La Ruĝa Kruco kaj la Gazetaro, fidante la noblajn sentojn de ĉiuj Belgoj, alvokas por ĉiu iniciativo kaj ĉiu sindono.

Donu, donu, donu.

Por la Gazetara Asocio:
La Prezidanto,
EM. HOUSIAUX.

Por la Ruĝa Kruco de Belgujo:
La Prezidanto,
D-ro P. NOLF.

* * *

Ankaŭ la Belgaj Esperantistoj faros sian devon. Ili sendos sian obolon al la poŝtĉekkonto 6566 (Croix-Rouge de Belgique — Rood Kruis van België) aŭ al la poŝtĉekkonto 1337.67 de Belga Ligo Esperantista kun la mencio «Por la subakvigitoj».

B. E.

---

# BELGA KRONIKO.

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — La 5-an de Dec. okazis en «Witte Leeuw» interesa parolado de F-ino Jeanne Van Bockel «Pri la Flandra Popolkanto». F-ino Van Bockel parolis unue pri la popolkanto ĝenerale, kaj poste precipe pri la flandra kanto. Ŝi igis interesa sian paroladon per belaj fragmentoj tradukitaj el la flandraj kantoj de la mezepoko. Inter tiuj kelkaj estis kantitaj de S-ro Boeren. La parolado de F-ino Van Bockel tre bone sukcesis kaj tiamaniere ŝi brile fermis la serion de paroladoj en nia grupo. — La dancfesto, kiun la grupo okazigis en «Quatre Nations», la 12-an, multnombre allogis al tiu salono la membrojn, kiuj ĉiuj estis tre kontentaj. Dum la oficiala kunveno de la 19-a la komitato anoncis la baldaŭan eldonon de nova serio da poŝtkartoj. La membroj aŭdis plezure la elĉerpiĝon de la 5000 lernolibretoj, disvenditaj en ses monatoj, kaj la Prezidanto profitis tiun okazon por danki la membrojn pro ilia helpo. Reeldono de tiu lernolibreto okazos baldaŭ. La komitato klarigis detale la financan situacion de la grupo, rilate la propagandon dum la tri lastaj jaroj; sekve de tio la membroj mem decidis unuanime, plialtigi la jarkotizon ĝis Fr. 15, kiu ebligos pagi al Belga Ligo la necesan sumon por ke nia nacia societo povu plenumi sian tutan financan devon al la Internacian Organizaĵo. La 26an intima Kristnaskofesto kunvenigis la membrojn ĉirkaŭ belaspekta kristnaska arbo, kiu havigis al ĉiu el ili amuzan aŭ belan premion.

**Propaganda parolado en «Ecole Supérieur des Sciences Commerciales, Financières, Consulaires et Maritimes St. Ignace.** — La estraro de la konata Antverpena komerca Instituto St. Ignace invitis nian malnovan kaj ĉiam fervoran samideanon D-ron Van Melckebeke por paroladi al la studentoj pri la utilo de nia lingvo por komerco kaj internaciaj rilatoj.

Mardon, la 1-an de Decembro, antaŭ plena salono, D-ro Van Melckebeke pritraktis la problemon laŭ diversaj flankoj, kiuj povas interesi la estontajn komercistojn.

Li sukcesis emociigi la ĉeestantaron, rememorante siajn impresojn de la unua internacia Kongreso en Bulonjo s/Maro, kaj li komunikis al la aŭdantaro la entuziasmon, kiun li mem sentis ĉe tiu unika okazintaĵo en la mondhistorio. — Tiu enkonduko favore malfermis la orelojn kaj kun sincera komprenemo la studentoj sekvis la klarigojn de la paroladinto pri la mirinda facileco kaj lernebleco de Esperanto, pri ĝia historio, ĝiaj lastaj progresoj en la komercaj kaj radiotelegrafiaj medioj.

La finon de tiu parolado konvinkanta salutis tondra aplaŭdo, kiu montris, ke ankaŭ praktikuloj kiel komercaj studentoj povas entuziasmiĝi pri Esperanto, kiam ĝi estas al ili lerte kaj sperte prezentata.

La tuja rezultato estas, ke la estraro de la Instituto St. Ignace decidis la organizon de nedeviga vesperkurso pri Komerca Esperanto, kiun nia amiko A. Van Assche malfermos en la komenco de Januari 1926.

BRUĜO. — La 3an de decembro okazis propaganda festeto, kiu tre bone sukcesis. La 10an, nova kurso malfermiĝis kun kontentiga nombro da lernantoj.

GENTO. — **«La Progreso».** — La 7an de decembro, S-ro De Maertelaere, Sekretario de la grupo, faris interesplenan paroladon pri «Radiofonio».

HERENTHALS.. — S-ro Verbuecken, Delegito de U. E. A. malfermis la 7-an de decembro, lecionon por 12 knabo-skoltoj. La kurson gvidas S-ro Van Heukelen.

MEĤLENO. — Tiu agema grupo organizis sukcesplenan balon, kiu okazis la 12an de decembro.

VERVIERS. — La 22an de novembro, la tiea grupo festis sian 5an «Esperanto-Tagon». S-ro Francis Grün, provinca konsilanto kaj konsulo de Ĉilio, faris, antaŭ multenombra ĉeestantaro, interesan paroladon pri «Esperanto en la Komercaj kaj Turismaj Rilatoj».

---

## BELGA GAZETARO

ANTVERPENO. — «Le Matin» (7-12) kaj «De Nieuwe Gazet» (7-12): Raporteto pri la parolado de F-ino J. Van Bockel en grupo «La Verda Stelo». «Forum» (Dec.): informo pri Esp. «klara lingvo».

BRUĜO. — «Brugsch Handelsblad» (5-12): informo pri nova kurso en loka grupo.

«Journal de Bruges» (3-12): same.

«La Patrie» (5-12): kuraĝigaj leteroj de religiaj eminentuloj al la katolikaj Esperantistoj.

LA PANNE. — «En Panne» (24-10): propaganda artikolo por Esperanto kaj anonco pri la nacia kongreso de 1926 en tiu urbo.

---

## RADIO-GAZETARO.

«Radio-Gazetaro» (16-12): Grava pledo por Esperanto de S-ro A. Epton, Sekretario de Internacia Radio-Asocio.

---

# EKSPOZICIO EN ST. NIKLAAS.




Dum la lastaj tagoj de la monato de Septembro — la 27-an kaj 28-an — la vigla St. Nikola-a grupo «Al Triumfo» organizis en sia urbo ege vidindan kaj bone propagandigan ekspozicion de ĉiuspecaj esperantaĵoj.

Nenio estis forgesita en la diskoniga laboro kaj en la aranĝo mem de la ekspozicio, por venigi kaj interesigi kiom eble plej multe da personoj; afiŝoj je la stratanguloj kaj en la montrofenestroj de la magazenoj, flugfolioj disdonataj en la stratoj, bela flago kun verda stelo, je la enirejo, ĉio alvokis la enloĝantojn al la vidinda ekspozicio.

Eniru ni do la belan salonegon «Rubens», kie fidelaj gemembroj de «Al Triumfo» la antaŭajn tagojn, ĉion aranĝis, kaj nun jam de la frua mateno estas pretaj akcepti ĉiujn, Esperantistojn aŭ ne, kaj ilin gvidi tra la tablovicoj. Ni diras gvidi, ĉar efektive oni preskaŭ nepre bezonis gvidanton, kiu altirus la atenton sur ĉiuj tiuj multnombrege sur longaj tabloj, dismetitaj objektoj...

Jen, la literatura fako, kun centoj da belaspektaj libroj — originalaj verkoj kaj tradukoj — enlandaj kaj eksterlandaj gazetoj kaj revuoj multspecaj kaj divercelaj; jen belaj fotografaĵoj pri nia movado kaj niaj tutunuaj kongresoj; jen komerca fako: broŝuroj, flugfolioj pri komercfoiroj kaj rekomendindaj produktoj; poste turista fako — gvidfolietoj, vojaĝlibretoj kiuj antaŭvidigas en tiu rondo ankoraŭ ege vastan laborkampon por la esperantistaro; polica, fervoja, stenografia fakoj en kiuj eĉ la plej bonaj esperantistoj povis konstati kun admiro, sed ankaŭ kun iom da miro, la multnombrecon de la jam ekzistantaj dokumentoj.

Flanke de tiuj pure Esperantaj fakoj, la membraro de «Al Triumfo» organizis ekspozicion pri tri specialaj subjektoj, kiuj intime rilatas al Esperanto, ĉar ilia vivo preskaŭ nure dependas de la solvo de la demando pri internacia lingvo aŭ almenaŭ estos multe pli facile certigata per tiu solvo, ni nomu la fakojn de la kolektistoj, de la radio-amantoj kaj de la blinduloj.

Kaj je tiu vidpunkto, ankaŭ la ekspozicio estis vera juvelo. La poŝtmarkamantoj povis vidi tie kolekton, kian ili eble neniam vidis nek vidos, kolekton kunmetitan dank'al la helpo ankaŭ de ne-esperantistaj sed tamen bonvolemaj amikoj. La radioamantoj povis aŭdi en la salonego mem agrablan koncerton, kaj tiuj kiuj interesiĝas pri la blindula movado, trovis tie ĉion, kio rilatas la re-edukadon de la blinduloj.

Aldoni ni, ke la tuta materiala aro estis belete aranĝita en ege alloga mezo. La ge-fervoruloj, kiuj dediĉis sian tempon al la kunmetado de tiu ekspozicio ne nur volis fari bonan sed ankaŭ belan laboron, kaj je la fundo de la salonego kunmetis specon da rotondo en kiu la flago kaj flagetoj esperantaj, naciaj kaj fremdaj agrable plividebligis belan portreton de nia majsto kaj brustobildojn de niaj geregoj.

Ni do ne miru ke la tri lokaj gazetoj verkis pri tiu ege interesiga ekspozicio, belajn raportojn. Ĝi pli ol sufiĉe meritis tion.

La grupo «Al Triumfo» faris bonan laboron en la ĉefurbo de la «Waasland».

ERAO.

La Estraro de «Al Triumfo» petas nin, elkore danki ĉiujn en-kaj eksterlandajn kunhelpantojn al tiu ĉi malfacila laboro, precipe S-ron Georgiev el Sofia, la ĉefdelegiton de U. E. A., Berlino, S-rojn Courtinat kaj Flageul el Francujo kaj la delegiton de la "Fervojisto» en Jugoslavio.

---

# D-ro AUGUST SNIEDERS.

**(Bladel 1825 — Antwerpen 1904).**

Antaŭ kelkaj monatoj oni festis la 100-jaran datrevenon de la naskiĝo de **Do August Snieders** per festa kunsido de la Reĝa Flandra Akademio, per la aŭdigo de oratorio «Yolande» (teksto de A. Snieders; muziko de Em. Wambach) kaj de la «Sniederskantato» (teksto de Do J. Grietens; muziko de A. Verhoeven) en la Antverpena Borso, kaj ankaŭ per «Snieders - ekspozico». En la lastnomita urbo memorŝtono je lia honoro baldaŭ estos inaŭgurata.

Dum duono da jarcento li estis ĵurnalisto, ĉefredaktoro de Antverpena flandra ĵurnalo, kaj de ĵurnalisto li posedis ĉiujn bonajn kaj multajn nebonajn ecojn. Li rapide kaj lerte desegnas siajn geheroojn sed kelkfoje ne povas eviti trograndigon. Lia stilo estas vigla ofte tro rapida ĵurnaliste.

Komence li skribis laŭ la maniero de Conscience freŝajn, spritajn vilaĝnovelojn kaj interesajn, historiajn romanojn, iom tro tendencajn. Poste li iĝis pli realista kaj objektiva kaj verkis humorajn, socialajn romanojn.

Ni certe povas aserti, ke August Snieders alproksimiĝas la plejmulte la famon de alia granda Flandrano Hendrik Conscience, kiel ankaŭ ties verkamplekson.

## LA ĈIOSCIANTA DUPPEL.

Leganto, mi prezentas al vi Duppel, la vivantan kaj promenantan ĵurnalon. Estas mirinda figuro. Lia malnova, nigra jaketo estas ducela. Ĝi utilas same dum la akra malvarmo kiel dum la varmega somero. Tamen vintre ĝi estas butonumite, somere malfermite portata. La vesto estas froteluzita, la kunkudroj estas parte krevintaj,same kiel la drapo ĉirkaŭ la butontruoj, kaj la manikoj estas multege tro mallongaj. La malnova blanka feltĉapelo estas samvalora. La nigra kravato, pendanta per du pintoj sur la brusto, same. La ŝuoj kaj la griza pantalono ankaŭ. Oni bone vidas, ke Duppel ne havas reĝan vestaron, sed spriton li havas.

La laboristo rekonas en li filozofon, kiu ne permesas al la vivdoloro profunde penetri en la koron, kiu estas kontenta je malmulto, kaj kiu ĉion povas plenumi se nur la homoj volus kredi tion, sed tion ili ne volas.

La viro, kiun mi prezentas, estas longa kaj malgrasa, ege malgrasa, kaj dum vintro li ŝajnas ankoraŭ pli mallarĝa, ĉar tiam li butonumas sian jakon. Liaj haroj ekgriziĝas, lia nazo estas ruĝa kiel fungo, kaj tio, ĉar li konsideras la brandon dum la somero kiel freŝigilon kaj dum la vintro kiel varmigilon. Por akiri glaseton da brando, li farus miraklon, almenaŭ li tion provus.

Verdire Duppel ne estas malbona, tamen vi ne povas ofendiĝi se li donas sian honorvorton por io ne tre ortodoksa; la diferencigo de bono kaj malbono ne estas unu el la ecoj de la viro.

Duppel ĉion konas, ĉion scias, ĉion faras, ĉion ekzamenas, ĉion trovas, sed kion li por si mem ne povas trovi estas... mono, tial li konvinkiĝis, ke li ne estis metata en lulilon por esti milionulo.

Tiel Duppel havas, ĉiam laŭ sia aserto, vastan konon pri komerco kaj marveturo, pri industrio kaj arto, pri la ekstero de la urbo kiel pri la interno de la familioj, kaj ĉi ĉion sekve de siaj dekdu metioj kaj dektri malsukcesoj de kiu historio li estas la vera enpersoniĝo.

Duppel estis «kuristo» en komercoficejo, komisiisto en la borso, ĵene ŝupurigisto, tie hundprizorgisto. Dum siaj junaj jaroj li estis la subtenanto de amatora aktoraro, la plej bona deklamisto de «retorika-societo» kaj tio havigis al li dum pli maljunaj jaroj nerefuteblajn sciojn. Sume Duppel konas Antverpenon interne kaj ekstere, dum nokto kaj tago.

Mia laŭdado estas longa, sed mi esperas ke vi, ĝisfunde pripensinte ĝin, ne plu diros, ke Duppel ne estas universala viro, kaj ne estas ka-

pabla scii ĉion, eĉ tion kion, neniu scias. La perliĝanta brando estas tre certe la kulpo de lia ĉiosciado, ĉar estas pro ĝi, ke al li oni ĉie montras la pordon kaj ke li pasis de unu ofico al alia.

Kiel mi diras: Duppel havas monon en la poŝo kaj ĉar oni ordonis al li aĉeti decan vintromantelon, li inspektos la flankstrateton, kie estas elmontrataj centoj da vestaĵoj de ĉiu koloro kaj grandeco — sed komprenele bone alligitaj per ŝnuroj nur por malhelpi, ke ili mistere malaperu.

Tie pendas vestaĵoj de ĉiu formtranĉo, de la sepetaĝa «kariko» ĝis la nobelgusta kaj distingiga supervesto, kiun oni nomas «propriétaire».

Duppel inspektis ĉiujn, palpis la ŝtofon ekspertize, ekzamenis kunkudrojn kaj butonojn kaj li konkludas, ke la baskoj de tiu estas tro longaj, de tiu ĉi tro mallongaj, la ŝtofo de tiu tro maldika, de tiu alia tro peza, ke la formtranĉo de tiu ĉi estas tro afektema, de alia tro majesta, ke por li nenio pli bona estos trovebla ol la nigra jaketo, kiun li portas vintre kaj somere kaj certe nun kiam li povas meti en ĝin de tempo al tempo subŝtofon de brulanta brando.

Cetere oni ne kontraktas tiel subite tian gravan aĉeton kiel tiun de vintromantelo. Tio meritas pripensadon, kaj, dum la maljuna vestaĵisto postsendas al li ŝarĝon da ofendoj pro la malordigo, kiun li nenecese kaŭzis en lia butiko, Duppel kviete eniras la trinkejon «La Ora Suneto» kaj en la kunesto de brila «arĝento luneto» li pensadis pri la interesa problemo.

**Fragmento el «La Monaĥineto de la Malriĉuloj» de August Snieders.**

**Tradukis «La Verda Standardo», Antverpeno.**

---

# SPRITAĴOJ

## MONDUMA INTERPAROLO.

Dum balo grafeto de Z..., plene ruinigita, diras al unu el siaj amikoj:

— Ĉu vi scias, ke mi ja edziĝus je tiu blondulino, kiu dancas tie? Ŝi estas tre bela.

— Kaj ŝi havas doton de 500.000 frankoj!

— Ho! ne estas tio, kio malhelpus min!!!

—:o:—

## ĤINA GENTILECO.

La ĥinaj eldonistoj, kiel la alilandaj, ricevas grandegan nombron da manuskriptoj. Por rifuzi tiujn, kiuj ne konvenas al ili, ili uzas amuzigajn ĉirkaufrazojn. Legu jenan leteron de la direktoro de la revuo «Tain - Koo» al ne konata aŭtoro.

Tre nobla frato de l'Suno kaj de la Luno,

Mi klinas profunde antaŭ vi, mi kisas la teron antaŭ viaj piedoj kaj mi petas la rajton vivi kaj paroli.

Via multvalora manuskripto plenegigis niajn okulojn kaj nian spiriton je belegaĵoj.

Ni legis ĝin kun entuziasmo. Neniam okazis al ni legi verkon kompareblan kun la via pro la ĝusteco, la scienca vasteco kaj profundeco. Se ni ĝin publikigus, nia direktoro devus ĝin konsideri kiel modelon de ĝia speco kaj neniam liveri al siaj legantoj aliajn verkojn malpli valorajn.

Jen kial, tremantaj pro emocio, ni resendas al vi vian manuskripton, je la nomo de la tuta redaktistaro, kiu sin nomas via eterna sklavo.

—:o:—

Oni scias ke la granda filozofo Sokrato havis tre malbonan, disputeman edzinon? Ŝia nomo «Ksantipo» restis ankoraŭ ĝis nuna tempo por ornami virinojn, tro facile ekflameblaj. Oni rakontas ke iam, kiam Sokrato alvenis hejme, ŝi komencis, kiel ĉiam, grandan disputon. Sokrato lasis ŝin krii, nenion respondante. La virino ekkoleregita per lia silento, prenis kruĉon plenan je akvo kaj verŝis ĝin sur la edzon. Sokrato ekridetis kaj diris: Bonege, post tia tondrado devis veni pluvo.

---

# EL LA HUNGARA HISTORIO KAJ KANTLITERATURO

## I.

La hungara historio konas epokon dum kiu estis disigita la hungara patrujo en tri partoj. En la jaro 1526 la Turkoj atakis grandpotence Hungarujon, kies reĝo tiam apartenis al la pola dinastio Jagello. Post la regado de la dinastio Hunyadi (Corvin) la Hungaroj elektis el tiu pola dinastio reĝon nomitan Ulaszlo, kiu tamen ne povis konservi la potencon de l'reĝo Matheo Hunyadi. La hungara aristokrataro turmentis la popolon kaj tiu ĉi malriĉiĝis. Ankaŭ la reĝo estis malriĉa. La regula armeo estis disirinta kaj la Turkoj staris antaŭ la hungara limo, atendante bonan okazon eniri. Tiu okazo venis post la morto de l'reĝo Ulaszlo, ĉar lia filo Lajos estis ankoraŭ pli malforta. En la jaro 1526, la turka sultano penetris en Hungarlandon. La volo de l'popolo estis diverscela: la kamparano, kiu vivis en vera sklaveco, ne havis motivon batali por dinastio, de kiu ĝi nur ricevis malfeliĉaĵojn; la aristokrataj familioj nur interbatalis kaj la burĝkasto, kiu estis germana, Itala, greka kaj armena malamis la hungarojn. Tiel la Turkoj facile atingis venkon. La juna reĝo Lajos II kun 40.000 soldatoj kontraŭstaris la turkan armeon, kiu konsistis el pli ol 200.000 militistoj. En la kampo de Mohacs, 30.000 hungaroj mortis tiam kaj inter ili ankaŭ la hungara reĝo, kiu forkurante dronis en la rivereto Csele. Ĉar li ne havis filon, parto el la hungara aristokrataro elektis Ferdinandon I el la Habsburga dinastio, alia parto hungaran militestron Szapolyai Janos. Li regis en Transsilvanio: Ferdinando en okcidenta kaj norda Hungarujo; la turka sultano meze.

En tiu tempo disvastiĝis en la lando la reformacio. La habsburga dinastio kontraŭbatalis ĝin forte sed senefike.

Dum la turka okupado, habsburga tiraneco, la regado de la tri reĝoj kaj la multaj bataloj, ekploris la vera animo de la hungara popolo en la preĝejaj kantoj kaj per la militpoezio. La Turkoj persekutis la kristanojn kaj la katolikaj habsburgoj persekutis la protestantojn. Sed la hungara animo kreis vere valoran kant- kaj romancpoezion. La Turkoj ruinigis la katolikajn preĝejojn, sed la katolika eklezia kanto supreniĝis al la ĉielo. La katolika dinastio trenis la protestantajn pastrojn al galermalliberejo,en la ekzekutejojn, sed de la lipoj de hungaraj protestantoj hungare kaj fervore preĝis la kredo, la hungara animo per la kalvinanaj kantoj. Hungarlando vivis dum 150 jaroj en tiuj cirkonstancoj.

:-: :-: :-:

Afabla, serioza kaj senpacienca spirito karakterizas la skribaĵojn de la Katolikoj kaj Protestantoj. Tiu-ĉi grava tono superregas la poezion de l' pereo de la lando en formo de «jeremiadoj» kaj riproĉoj al granduloj de la lando; poeziaĵoj faritaj pliĝustadire pli de predikistoj kaj instruistoj ol de poetoj. Tamen el iliaj verkoj parolas la voĉo de la malfeliĉa, mortiĝanta nacio.

El la produktaĵo de l'tiama beletristiko la t.n. «florkantoj» (Viragenekek) estas la plej rimarkindaj. «Floro» signifis en la tiama hungara societlingvo «belaĵon» kaj estis la esprimo de «agrablaĵo». La «florkantoj» estis malpezaj versformoj, grandparte militaj, amaj kaj edzigaj kaj en ili ploris aŭ ridis la eterne serioza kaj eterne bonhumora hungara homo. «La hungaro plorante gajigas» diras hungara popoldiro. Ja al ĉia hungara gloro kaj ĝojo estas alligita la hungara sorto: batali, venki, perei.

Balinto Balassi estas la plej konata poeto de tiuj-ĉi «florkantoj». Li naskiĝis el pranobela hungara familio en jaro 1551. Li estis eksterordinara bela viro kaj kuraĝa soldato. Li batalis kontraŭ la Turkoj en l'armeo de la Habsburgoj, sed lia flamigema kaj sanganima karaktero malebligis lian soldatan karieron. Malfeliĉa en unua amo pro lia flirtemo ankaŭ lia familia vivo estis senfeliĉe. Liaj parencoj procesis lin. Perdinte sian riĉajon plorante sorton de lia vivo kaj patrujo li elmigris el Hungarujo. En liaj plej belaj versoj li adiaŭis la Hungaran patrujon. Ankoraŭ nun oni kantas tiujn malgajajn kantojn. Dum kelkaj jaroj li vivis en Danzig sed poste li revenis kaj batalis brave dum la Turk-militoj. En batalkampo apud Esztergom li sukcesis reokupi de la Turkoj fortifikaĵon de liaj praavoj, Devenyo-n.

Liaj versoj estas tiel kiel lia vivo; malgajaj, amaj kaj entuziasmaj kaj inter ili troviĝas sennombraj batalkantoj. La ĉefmotivo estas la patrujamo, la militistvivo, la amo kaj la religia kredo parigante kun la voĉo de lia senbrida, varmega karaktero.

Samtempulo, sed malpli grava poeto estis Mehmed Divinyi; renegata hungara turko kiu skribis en hungara lingvo.

Krom la religia poezio kaj florkantoj la historio-kantistoj sonigis la animon de la hungara Muzo per ploraj, plendaj kaj plejparte rakontaj historioj. En ĉiu hungara nobela kortego vivis tiuj versaĵistoj kiujn oni nomis «lirikistoj, violonistoj». Ilia popolnomo estis «diak», studento, pli-korekte skribisto kiu notis la heroaĵojn de lia mastro.

La plejkonata poeto el tiuj student-kantistoj estas «Sebastiano Tinodi Lautas» kiu vivis en la kortego de la ĉefnobelulo Balinto Torok. Li akompanis lin prikantante lin kaj li plendis lin kiam li estis en turka mallibereco. Sed li ankaŭ prikantis la tiaman malgajan sorton de Hungarujo kaj ĝiajn batalojn.

Liaj kantoj estas fidelaj historiaj notaĵoj kun preciza sursigno de la fontoj kaj la datoj, pro tio se liaj poeziaĵoj ne havas absolutan literaturan valoron, ili tamen estas ŝatindaj historiaj trezoroj de la hungara historia literaturo. La monumento de Sebastiano Tinodi Lautas staras antaŭ la budapesta nacia teatro.

II.

La hungara kanto estas la eterna sekvanto de la hungara glavo. La eterna varieco de venko kaj malvenko, ĝojo kaj ploro, obstino kaj malespero eligis el la koro de la hungara popolo poezion kies egalvaloron eble ne troviĝas en la literaturo de iu nacio.

Ĉi tiu poezio estas la kurucz-poezio,kaj la militoj kiuj agordis la muzikeman animon de la hungara nacio je ĉi tiu poezio estas la «Kurucz-militoj» (laŭ la noma kiun oni donis al la liberpartia hungara soldato «kurucz», (tiu vorto devenas verŝajne de la latina «Krux») Hungarujo disigita en tri partoj konvulsie tordiĝis sub piedoj de la roma imperiestro kaj de la turka sultano. Tiu lasta estis tamen pli humana, postulante nur konfesion de sia potenco, ol la viena imperiestro,kiu klopodis rompigi la spiritan forton de la hungara nacio por enkorpigi tiun-ĉi en la aŭstrujan landon. Hungarujo iĝis kvazaŭ kolonio. Kolonio kun ĝia okcentjara kulturo kaj ĝia forrabita riĉaĵo!

En la jaro 1670 kvin potencaj kaj riĉaj Hungaraj ĉefnobeluloj organizis konspiron, kiun la spionoj de la imperiestra kortego malkovris. Ei tiuj viroj la grafojn Francisko Nadosdy, Pietro Zrinyi kaj Francisko Frangepan oni eksekutis en fortikaĵo Becsujhely.Tiu sanga fino profunde emociis ĉiujn tavolojn de la nacio. Nur unu fajreto estis necesa por la ekflamigo de la liberecmilito Emeriko Thokoly, edzo de Heleno Zrinyi, filino de la kondamnita Petro Zrinyi, gvidis ĝin. La batalo komenciĝis feliĉe. Jam liberiĝis la granda parto de la lando, sed la sultano, kiu unue helpis la Hugarojn, timante ilian potencon rifuzis poste sian helpon kaj tiamaniere rompis la forton de la liberecarmeo, kiu estis venkita de la imperiesto. Thokoly rifuĝis ĉe la sultano, kiu malliberigis lin.

Malgajaj tempoj venis tiam dum kiuj oni trenis al la eŝafado la ideanojn de la hungara libereco. Italaj, Germanaj, ĉehaj kaj hispanaj dungatoj ekokupis la landon kaj elrabis la popolon. En urbo Eperjes la ge-

neralo Caraffa senkapigis centojn da Hungaroj kaj la profunda kaj malluma malespero forpuŝis la nacion al nova milito.

En komenco de la 18-a jc. ekflamis rec la liberecmilito. Duonfilo de Thokoly, nepo de la transilvania princo Georgo Rakoczi, la riĉega princo Francisko Rakoczi II staris je la antaŭo de la nacio. Ĉi tiu milito estas la propra kuruczmilito. Ĝi ekflamis rapide kaj triumfante tra la tuta Hungarlando ĝis Vieno. La armeo estis dum la unua tempo de la batalado malriĉa kaj ĉifona sed entuziasma. Multaj francaj oficiroj senditaj de la franca reĝo helpis Rakoczi. La batalo daŭriĝis feliĉe dum ok jaroj kaj nur la imperiestra mono kaj la perfido venkis la hungaran virtecon. La plej kuraĝaj estroj fariĝis perfidantoj (Ocskay; Bezeredi k. t. p.) Poste en 1711 en ebenaĵo de Nagymajteny grafo Aleksandro Karolyi demetis ankaŭ la batalilojn kaj Rakoczy rifuĝis en Pollando, baldaŭ en Francujo poste al la «turk-porto» kaj mortis en Rodossto (apud Marmora Maro).

:-: :-: :-:

La literaturo kaj precipe la kantliteraturo de tiu tempo estas la t.n. «Kurucz-poezio». La Franco Sayous karakterizas ĝin kiel «vera trezoro por ekkoni la hungaran nacian vivon » Fakte ne estas politika movado en la mondo kiu tiamezure povis impresi nacion ol la «Kurucz-movado».

La romancoj prikantas la bataladon de la kurucz-armeo, epizodojn el la milito, la kuraĝon de la naciaj herooj. Ili parolas pri la Turkoj; pri la «kurucz»-kantisto «kies sango efluas inter du paganoj pro unu patrujo» (el iu kuruczkanto) pri la gloro de la kurucz-armeo kaj pri la princo Francisko Rakoczi; poste pri la malgaja sorto de la Hungaroj kaj la mizero de la migrantoj. Precipe la popolromancoj estas veraj perloj ne nur por la hungara sed ankaŭ por la universala literaturo.

La kantpoezio tamen estas pli riĉa ol la romancpoezio. Ironio kaj doloro estas la fundmotivoj de tiuj kantoj. Hungara kaj imperiestra soldato atakas unu la alian mokante; jen malĝojo, jen subite malespero sonoras el iliaj kantoj. Iufoje belega harmonio de formo kaj enhavo, multaj trafaj ekpensoj, poste ekfloro kaj amara humoro; plejfoje el la komuna mizero kreskas malamo kontraŭ la Germanoj, Jen karakterizaj ecoj de la kantoj. La muziko ĉiam estas malrapida, indeca kaj verva kun melodio ofte simila al tiu de psalmkanto. La verkintoj restis ĝenerale nekontaj. El la konataj la plej rimarkinda estas Georgo Palocsay, generalo en la «kurucz-armeo». Estas tre karakteriza ke pli ol la venkoj kaj la gloro la fonto de tiu poezio estas la mizero, malfeliĉaĵoj, malliberecо kaj migrado. Ĝi mem, la «marŝo de Rakoczi», la fama revolucia kanto kiu ĝis nun postrestis en la animo de la hungara popolo ne naskiĝis dum tempoj de la gloraj venkoj sed post la malvenko de Rakoczi kaj en ĝi ploras la malvenkinta kaj malesperanta lando.

Estas multnombraj la kantoj de la migrantaj soldatoj (Andreo Janoczi, Andreo Miszlay) kiuj post la malsukceso de la revolucio dum migrado ploris la nacian kaj propran sorton.

Post la sendependec-bataloj la kantado de la kurucz-kantoj estis malpermesita de la aŭstria subpremo. Sed la Hungaroj tamen kantis ilin... per aliaj versoj. La kurucz-kantoj estas kolektitaj de Julio Kaloj kaj Kolomano Thaly.

PUSKAS ISTVAN (Budapest).

---

# INTERNACIA KOMISIONO.

**por uzado de ESPERANTO**

starigita de

## IIIa INTERNACIA KONGRESO DE AERA NAVIGACIO

**(Bruxelle; 1925)**

Komunikaĵo No 1.

Paris, 30an de Novembro 1925.

**Eltiraĵo el la Raporto prezentita al la IIIa Internacia Kongreso de Aera Navigacio (Bruxelles 1925).**

Ne ŝajnas necese insisti longe pri la maloportunaĵoj, iafoje gravaj, kiuj rezultas, por la aeraj navigantoj, el la diverseco de la naciaj lingvoj.

Ili estas kondukataj interrilatiĝi kun fremduloj de plej diversaj naciecoj, kaj en cirkonstancoj, kiuj plej ofte normalaj, povas tamen esti produktataj de navigaciaj okazintaĵoj, kies sekvoj estas tiaj, ke reciproka interkompreno estus plej utila, kaj eĉ evitigus iafoje katastrofojn...

... Se la naviganta oficistaro, same kiel tiu de la aeraj havenoj, de la oficoj de ĉiuj landoj, scipovus uzi Esperanton, la oficaj interrilatoj treege plisimpliĝus; la pilotoj povus, dum sia transirado, ricevi ĉiuspecajn sciigojn de la postenoj lokitaj sur sia vojo; meteorologiaj sciigoj pli detalaj kaj senmankaj povus esti al ili transsendataj; fine la teknikaj ĉiuspecaj dokumentoj, publikigitaj en ĉiuj landoj (mapoj, instrukcioj, k.t.p.) estus disvastigataj netradukite, sekve sen eraro aŭ manko kaj multe malpli kare ol nun...

Esperanto rimarkinde taŭgas je tiu aplikado. Ĝia logikeco kaj la konstruo de ĝia vortaro konsistigas perfektan teknikan lingvon; ĝia simpleco konvenas al ĉiuj...

—o—

La komisiono starigita de la IIIa kongreso elektis prezidanton Kolonelo Paul Renard kaj Sekretarion S-ron Rollet de l'Isle.

Ĝi turnis sin al ĉiuj aeronaŭtikaj organizaĵoj por ke ili helpu ĝin; ĝi starigis programon de agado, akordiĝante kun la Esperantista Scienca Asocio.

La teknikaj terminoj de Aeronaŭtiko en Esperanto troviĝas en la aeronaŭtika **Leksikono en ses lingvoj**, publikigita de la Aeronaŭtika Librejo (Chiron, rue de Seine, 30, Paris).

—o—

S-ro Archdeacon publikigis en la No de Junio 1925 de la **Aeronaŭtika Revuo de Franclando**, organo de la Franca aeronaŭtika Ligo, artikolon titolitan: «Estas necese alpreni universalan lingvon por Aviado kaj T. S. F.» Sekve de tiu artikolo, multenombraj mendoj por esperantaj libroj alvenis al la **Centra Esperantista Librejo**, 51, rue de Clichy, Paris, 9e.

—o—

La Franca teknika Oficejo de Aeronaŭtiko publikigas vortaron de la teknikaj terminoj uzitaj en Aeronaŭtiko en la germana, angla kaj franca lingvoj. Estus facile aldoni Esperanto'n.

---

# NEKROLOGO.

Terura bato frapis la Esperantistan Grupon de Verviers kaj samtempe la tutan belgan esperantistaron.

S-ro PAROTTE, unu el niaj plej malnovaj samideanoj, Komitatano de Belga Ligo, eksprezidanto kaj membro-fondinta de la Verviers'a grupo, mortis en tragediaj cirkonstancoj! Samideano Parotte, kiu, dum la lasta kongreso, tiel lerte gvidis nin tra la muzeo; Parotte, kiun ni vidis tiel vigla kaj bonhumora, ne plu estas!

Dimanĉon, 6-an de decembro, S-roj Etienne, Troupin, Eduardo kaj Jozefo Hérion, anoj de la Esperantista grupo, decidis fari ekskurson al «Baraque Michel» kaj invitis S-ron Parotte ilin akompani. Tiu ĉi, sendube, foriris tro malfrue ĉar li ne estis ĉe la rendevuo kaj la kvar amikoj daŭrigis sen li la ekskurson. Ĉu Parotte malfruiĝinte kaj nepre dezirante retrovi siajn kamaradojn, laŭiris, tra neĝoj kaj arbaroj, mallongigan vojeton? Kvankam tre bone konante la regionon, ĉu li devojiĝis kaj falis en unu el la oftaj truoj de la «Fagne»? plej verŝajne ĉar la enketo montras, ke li tordigis al si la dekstran piedon. Oni supozas, ke li sidiĝis sur la neĝon por flegi sian piedon sed kaptita de la malvarmo kaj de la mistera dormiga influo,kiun havas la neĝo, li ekdormis, por ne plu vekiĝi!

Estas nur la vendredon, post ses tagoj do, ke, malgraŭ ĉiuj klopodoj de liaj amikoj, ĉasgvardisto retrovis la kadavron de nia malfeliĉa amiko!...

La enterigo okazis lundon, 14-an de decembro, meze de multnombra amikaro. La Esperantista Grupo de Verviers estis reprezentata de granda anaro kun la verda flago. S-ro Pirnay, Prezidanto, diris la adiaŭajn vortojn je l'nomo de Belga Ligo kaj de sia grupo.

S-ro Parotte estis nur 50 jara kaj kunvivis kun sia 83 jara patrino. Ni perdas lertan samideanon kaj sinceran amikon!

«Belga Ligo Esperantista» kaj «Belga Esperantisto» prezentas al la kompatinda patrino kaj familio siajn plej emociajn kondolencajn sentojn.

---

# MONUMENTO AL JOS. PAROTTE.

Speciala komitato estas fondita en Verviers por starigi rustikan monumenton sur la loko, kie mortis nia samideano. Tiu komitato enhavas delegiton de la diversaj societoj de kiuj la kara mortinto estis membro, tio estas: Soc. d'Archéologie et l'Histoire, Cercle des Sciences, Cercle des BeauxArts, La Mutuelle, Université Populaire, Esperantista Grupo Verviers kaj Vieux-Liége; ĝia prezidanto estas S-ro Advokato Albert Bonjean, la plej fervora kaj malnova Fagno-amanto, ĝia vic-prezidanto: S-ro Comhaire, direktoro de Vieux-Liége.

La Esperantistoj, kiuj memoras S-ron Parotte kaj lian bonhumoron kaj kiuj volas dediĉi iom da mono al la starigo de la monumento, povas de nun sendi sian obolon al la poŝt-ĉekkonto No 1516.10 de «Esperantista Grupo, Verviers», kun la mencio «Monumento Parotte».

---

# DIVERSAJ INFORMOJ.

— POŜTMARKOJ KAJ POŜTKARTOJ KUN ESPERANTA TEKSTO estas eldonitaj de la Unio de Sovetaj Soc. Respublikoj. La poŝtsignoj portas la portreton de scienculo Popov kun la surskribo «Inventisto de Radio».

— LA UNIVERSALA HOMAMA ASOCIO estas fondita. Ĝia celo estas «atingi fratiĝon kaj unuiĝon de la tuta homaro per altigo de la kredo». Kiu deziras ricevi ekzempleron de la statuto skribu al. Oomoto-Oficejo, Ajabe, Japanujo. Ĉe la sama adreso estas ankaŭ havebla la libro «La Vivo de la kreintino de la Oomota - movado»; prezo francaj fr. 2.—.

— KOMITATO DE ESPERANTA EKSPOZICIO en LUBLIN, Polujo, post interkonsento kun plejmulto de pollandaj Esp. organizaĵoj funkcias kiel Tutlanda migranta Ekspozicio Esperantista, okazonta en Marto 1926. Ĝi petas alsendon de ĉiulandaj gazetoj, broŝuroj, libroj, presaĵoj, poŝtkartoj, ktp., precipe ĉiuj dokumentoj pruvantaj la aplikon de Esperanto en la praktika vivo (scienco, pedagogio, komerco, arto, sporto, sociaj kaj religiaj movadoj) en postmilita periodo. Adreso: Seweryn Przybyszewski, Graniczna 3, Lublin, Polujo. — Ĉiu sendonto ricevos aron da belaj il. poŝtkartoj kun popoltipoj kaj vidindaĵoj pri Polujo.

— DEZIRAS KORESPONDI: S-ro Andreo Sidorov, № strelkovi polk Dondivizii, Rostov/Don, Ruslando, per il. poŝtkartoj k. leteroj, kaj interŝanĝi Esp. gazetojn.

# ALVOKO.

Akceptinte, por Belgujo la taskon de nacia sekretario de «Universala Esperantista Pacifista Ligo», kies sidejo estas nun en Hago (Nederlando), mi estos dankema al la belgaj samideanoj, kiuj bonvolos sendi al mi sciigojn pri la jam ekzistantaj societoj en la lando.

La Ligo opinias, ke ĝia celo, en la unuaj jaroj, devas esti la propagando de Esperanto inter la pacifistaj rondoj; tiuj, kiuj volas helpi povos aniĝi al U. E. P. L.; laŭ peto, mi donos al ili pluajn informojn.

La kotizo estas nur 2 fr. jare; ĝi estas sendebla, ĉu per poŝtmarkoj, ĉu per enskribo al mia poŝtĉekkonto, No 545.74.

P. BENOIT, Oostduinkerke.

---

# BIBLIOGRAFIO

LA TRAGEDIO DE L'HOMO, de Madach Emeriko. — Drama Poemo kun dudek desegnaĵoj de Mihaelo Zichy kaj kun la portreto de la aŭtoro. — El la hungara originalo esperantigis K. Kalocsay. — Eldono de la Hungara Esperanto Instituto. 1924. 264 paĝoj de 15 × 22 cm. Prezo: 68.000 hung. Kr.

Ni nur tuj komencu tiun ĉi kritikon per varma gratulo al la lerta tradukinto, S-ro K. Kalocsay kaj per insista instigo al ĉiuj bonaj Esperantistoj: legu kaj relegu tiun ĉi libron, ĝi ja tion plenvaloras!

Estas bedaŭrinde, ke ni ne povas transskribi tie ĉi la tutan enkondukon, kiu klarigas al ni kaj la naskiĝon, kaj la kreskadon, kaj la aamplekson de la priparolata majstroverko.

Ne ĉiu verkisto havas, kiel Madach, la kuraĝon forbruligi siajn unuajn literaturaĵojn; sed li, ekzercante severan kritikon kontraŭ si mem, kaŝe laboris, laboradis... Kelkaj jaroj de feliĉo preskaŭ perdigis por la mondo lian genion. La malfeliĉo, kiu sekvis, pliakrigis ankoraŭ lian de la naturo ricevitan senton pesimistan kaj [illegible] «La Tragedio de l'Homo». Tamen... «la pesimisme klarvida verko finiĝas kiel apoteozo de l'sento kaj de l'nobla streĉo de la homo». (El la enkonduko.)

Skizi la enhavon de la libro en kelkaj vortoj estas fareble, sed tiam oni nenion sentas aŭ eĉ supozas de la forto, de la belo, kiuj sin kaŝas en la diversaj bildoj de la poemo: Adamo, forpelita el la Edeno, travivas en sonĝo la tutan historion de la homaro, vidante en ties grandaj homoj sin mem kaj Eva'n. Je la fino li vekiĝas kaj malesperiĝinta, li volas perei, sed tiam li konscias pri la sento, kiu vivas en lia animo: «Kaj ĉi tiu sento, en la animo de granda homo, donas instigon kaj inspiron por noblaj klopodoj kaj luktoj. Ĉi tiuj ja povas esti vanaj, senrezultaj, sed la entuziasmo mem kaj la konscio pri la propra ago bona estas rekompenco pro ĉiuj ĉagrenoj kaj suferoj.» (El la enkonduko).

Tiun ĉi libron oni povus kompari kun pejzaĝo: unuavide, oni konatiĝas kun la ĉio, la vasteco, la grandeco, poste oni detale rigardas tie ĉi dometon sin kaŝantan sub verda foliaro, tie vojeton kondukantan al mal-

luma arbaro, jen preĝejan tureton, superantan supozatan vilaĝon, pli malproksime fine, la horizonton, kiu igas nin revi al senfineco, al eterneco! Tiamaniere oni unue tralegas la tutan libron kaj poste, revenante, oni ekserĉas la trafajn versojn, pripensante ilin, por tute kompreni tiun kaj tiun ĉi detalon.

Estas kutime citi kelkajn partojn el leginda libro... La elekto tie ĉi estas malfacila; ĉar ne nur la poezo de la dekkvin bildoj estas granda, sed ĉie la ideoj estas tiel belaj, tiel pripensindaj...

Admiru la priskribon de la nedaŭremeco en la sekvantaj linioj:

Dum kisoj

Ĉu sentas vi la mildevarman venton
Tuŝantan vin je vang' kaj forflugantan?
Maldika polvtavolo post ĝi restas.
Post jar' la polvo altas nur liniojn,
Sed post centjaro jam kubutojn kelkajn,
Jarmiloj kelkaj viajn piramidojn
Enfosos, vian nomon ensabliĝos.
Ŝakaloj hurlos en plezurĝardenoj,
Sklavgent' mizera hejmos en dezert;
Kaj ĉion nek tempesto mondoskua,
Nek hurlemuĝa tertremego faras,
Nur vent' malforta, karesanta vin.

Kaj kiel bele prikantas li la rolon de la virino apud la edzo:

Kaj se en la bru' de via
Agema viv' la ĉielvoĉ' mutiĝos:
Pli pura sin' de ĉi virin' malforta,
De l' marĉ' de interes' pli malproksima,
Ekaŭdos ĝin kaj tra korvejnoj ŝiaj
Filtriĝos ĝi je poezi' kaj kanto!
Kun tiuj du rimedoj ĉe vi staros
Ŝi, en feliĉ' kaj malfeliĉo same:
Ĝenio ridetanta, konsolanta.

Kaj fine la lasta versaĵo:

Mi diris, penu, hom', kaj firme fidu!

---

FOIRO DE FRANKFURT A. M. 4-7 oktobro 1925. — TEKNIKA FOIRO. 2-7 Oktobro 1925. — 24 paĝa broŝuro (10.5 × 18 cm.)

Eldonita de la Esperanta Fako de la Foiroficejo de la Aŭtuna Foiro de Frankfurt A. M.

VI. INTERNACIA SPECIMENFOIRO DE REICHENBERG kaj Special-foiro pri ekonomia gvidado de industriaj entreprenoj. 15-21 Aŭgusto 1925. Ĉeĥoslovakujo. Okpaĝa broŝuro: 11 × 15 cm.

INTERNACIA FOIRO DE VIENO. — 6-12 de Septembro 1925. — Okpaĝa broŝuro pri la 9a Viena Internacia Foiro. 13 × 19 cm.

## Ne forgesu

## repagi vian abonon!